## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | |
|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— ŝil. |
| **Belgujo** | 37 fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 kronoj. |
| **Francujo** | 25 frankoj. |
| **Germanujo** | 4 markoj. |
| **Hispanujo** | 12 pes. |
| **Itala** | 10 liroj. |
| **Hungarujo** | 7 peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 din. |
| **Latvujo** | 5 latoj. |
| **Norvegujo** | 6 kron. |
| **Polujo** | 8 zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 leoj. |
| **Svislando** | 5 frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 9715. Nederlando.
2) Ne sendu poŝtmarkojn.
3) Sendu papermonon en registrita letero.
4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.
5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). Poŝtkonto No. 191714.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.
kaj:
**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)
S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

17-a jaro (Numero 1) 1938.

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.)
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, St. Eriksgatan 110, Stockholm Svedujo.
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).
Kasisto: A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

## Nova etapo.

Kvankam nova jaro instigas al disvolvo de „novaj" planoj por la estonto, rigardante malantaŭen kaj konsiderante la rezultatojn dum pasinta tempopeco, nur la fakto ke la jaro 1938 komenciĝis, ne pravigas uzi la titolon, kiun ni skribis ĉi supre.

Kaj tamen ni opinias rajte paroli pri nova etapo en la historio de T.A.G.E.

Jam dum kelka tempo oni pli malpli vaste propagandas nian internacian lingvon sub la devizo: Esperanto en la lernejon tutmondan! Komence de la nuna jaro ni ne plu *parolas* pri tiu signalvorto, sed celkonscie, laŭplane, aktive *agos* por atingi kion ĝi esprimas.

Kiel vi jam scias, nia asocio aliĝis al la antaŭ kelkaj monatoj starigita oficejo „Esperanto ĉe la instruado" kies sidejo estas en Amsterdamo. Ni ĝojas ke ni jam nun povas raporti pri sufiĉe grava antaŭenpaŝo de tiu instituto.

Ne nur aliĝis la kvar nederlandaj esp. organizoj (neŭtrala, laborista, katolika kaj protestanta) kun internacie laboranta fakorganizo T.A.G.E., sed ankaŭ aniĝis du grandaj ne-esperantistaj instruistaj asocioj nederlandaj, nome Nederlands Onderwijzers Genootschap (Nederlanda Organizo Geinstruista) kaj Bond van Nederlandse Onderwijzers (Ligo de Nederlanda Instruistaro). La nova oficejo de nun do povos agi en la nomo de proks. 8000 organizitaj esperantistoj kaj 13000 geinstruistoj, fakto, kiu donos al ĝi aŭtoritatecon en la okuloj de la granda publiko, konsideranta nur la nombron, la amason. [1])

La oficejo nun ellaboras, interkonsente kun la diversaj asociaj reprezentantoj, laborprogramon, kiel firman bazon, sur kiu ĝi povos fruktedoni agadi. Dume ĝi atendas aliĝojn de pliaj organizoj, kiuj simpatias kun ĝia celo. En la venontaj numeroj de nia organo ni raportos plue pri la laboroj.

Kiun signifon tio ĉio havas speciale por nia asocio T.A.G.E.?

[1]) Ni ĵus sciiĝas, ke ankaŭ aliĝis granda organizo „Volksonderwijs" (aprobantoj de libera, nedogma, publika instruado) kun pr. 60.000 anoj.

Ĉi tio, ke pli aktiva agado sur la kampo „Esperanto en la lernejon" ekster nia propra organizo efikas pli viglan interesiĝon por la tuta afero inter instruistoj. Tia plia interesiĝo rezultigas pli da atento por nia faka organizo kaj ĝia organo, kiu respeguliĝas en aliĝo de novaj anoj. Kaj nun estas vere ke ni antaŭ kelka tempo skribis ke por nia asocio ne unualoke gravas granda nombro da anoj, sed pleje, elektita kerno de dediĉitaj gekolegoj, kiuj per sia kunlaboro efektivigas internacian kontakton inter gekolegoj diverslandaj. Ankoraŭ nun ni opinias ke tia kerno pli valoras ol granda nombro, kiu nur aliĝis, sed neniam aniĝis. Sed en la lasta tempo montriĝis, ke krome, „amaso" povos rezultigi specialan efikon en la okuloj de la mondo, nome tiu pri „aŭtoritateco." Por nia nova agado „Esp. en la lernejon" ni bezonos ian demonstracion, ian manifestadon kaj por tio al ni mankas la amaso.

Ho, jes, tia amaso jam ekzistas; centoj kaj miloj da gekolegoj nuntempe pli malpli konatiĝis kun Esperanto, sed neniu povos montri ilin, pro la fakto ke ili neniam kaj nenie amase kuniĝis.

Ni vivas en tempo, kiam oni laboras per „amasoj". Estas bone, klare realigi al si tiun fakton por profiti per ĝi. Ĉie, ĉiel kaj ĉial la homoj kuniĝas; kial ne la instruistoj, la edukistoj de la venonta generacio, *la kunlaborantoj por nobla celo!* Kial, kial ne, geamikoj? Ni opinias, ke ĝuste nuntempe tio estos *nia devo!* Amaso kontraŭ amaso por konservi almenaŭ iom da ekvilibro sur nia turmentata mondo.

Tio povas — per T.A.G.E.! Certe! La organizo estas sufiĉe vasta kaj neŭtrala ke „diverskoloraj" edukistoj povos sin senti hejme sub ĝia tegmento. Kaj tio sufiĉas ankoraŭ por la nuna momento. Krome la anoj havos la organizon, kiun ili mem deziras; la sorton kaj gvidadon de ĝi ja kuŝas en iliaj propraj manoj. Ni opinias ke ni per streĉa, kuna agado povos atingi konsiderindan sukceson, sed nur, se ĉiuj anoj de la nuna T.A.G.E.-kerno faros sian eblon, ne dirante; „Ho, mia najbaro certe laboros en tiu direkto; do ne necesas ke *mi* pensu pri la afero." Ne kara, ne, milfoje ne!! Vi, *vi mem* faru ion, almenaŭ *ion!* Nun estas la tempo, kiam ni kunvokas la „kernon", la pionirojn por kuna agado, nun, kiam ni staras antaŭ nova etapo!! Ni ege bezonas *vian* helpon, *ĉies helpon.*

Ni ne parolu pri kvar — aŭ kvinjar — planojn. Tiuj nur celas deturni la atenton for de momenta mizero, kaj T.A.G.E. feliĉe ne konas tian mizeron. Sed ni kalkulas je via kunlaboro, kaj scias, ke nia alvoko ne estos vana.

Krome, tiu propagando kaj varbado rezultigos, ke ni povos malaltigi la kotizojn kaj ni opinias, ke ankaŭ tiu flanko ne estos malŝatata en la nuna situacio por ni, geinstruistoj! Se vi bezonos la helpon de nia laborkomitato, bonvolu nur memori la adreson de nia administracio.

Karaj geamikoj, ni komencos novan etapon, vi kaj ni, laborante kune por alta, nobla celo, sciante ke tia laboro alportos feliĉon al ni kaj niaj!

P. K-e.

---



# Komunikoj de la laborkomitato.

1. Ĉu la agentoj, kiuj ankoraŭ ne sendis al la administranto siajn membrolistojn dum 1937-a kaj la financan raporton, bonvolos fari tion poŝtrevene?

Ĉu la agentoj volos zorgi ke nia administranto ricevos rekte de ili aŭ pere de alia kolego, kvanton da infandesegnaĵoj por nia ekspozicio. Ne forgesu, kaj agu tuj ĉar la afero estas sufiĉe grava. (Vidu I.P.R. no. 6, kovrilo, 3-a paĝo).

2. De nun oni ne plu sendu la kotizojn al nia administranto sed al la kasisto: k-o. A. van Hage, Zuidwending, VEENDAM (Nederl.) poŝtkonto no. 9715.

**Internacia Korespondadoficejo por Geinstruistoj kaj Gelernantoj.**

T.A.G.E. starigis Internacian Korespondadoficejon por Geinstruistoj kaj Gelernantoj. Ĉiuj, kiuj deziras korespondadi kun gekolegoj aŭ gelernantoj sendu siajn adresojn al la sekretario de T.A.G.E.

La adresoj estos presigotaj senpage en I.P.R. Ni uzos la ordinarajn mallongigojn. Oni sendu unu Respondkuponon, se oni deziras tujan respondon aŭ specimenan ekzempleron.

La sekretario
K. H. SPORTEL,
Nieuw-Scheemda (Gr.) Nederlando.
Poŝtĉekkonto: 100053.

---

# Pri la T.A.G.E.-kunvenoj dum la Londona kongreso.

Dum la Universala kongreso en Londono T.A.G.E. aranĝos du kunvenojn, kiuj ne okazos samtempe kun aliaj gravaj kunsidoj. Prof. W. E. Collinson en Liverpool prezidos la kunvenojn.

La provizora programo tekstas jene:

1e. Prelego de Prof. Collinson pri „Baza vortaro en instruado de Esperanto".
2e. Prelego (de Prof. J. C. Flugel en Londono).
3e. Diskutado pri „Esperanto en lernejoj".
4e. „ „ „Interkorespondado inter geinstruistoj kaj gelernantoj".
5e. Diskutado pri la „Redaktado de I.P.R."

Ĉiuj, kiuj opinias, ke estos necese aŭ dezirinde priparoli ian temon dum niaj kunvenoj, sendu tian temon kiel eble plej baldaŭ al la sekretario:

K. H. SPORTEL,
Nieuw-Scheemda (Gr.) Nederlando.

---

# Usono.

## Ĉu La Patrolando Povas Erari?

Ĉu la patrolando povas erari?

Jen grava demando por ĉiu instruisto de historio. Se tia instruisto kredas ke la respondo estas jes, se li povas transdoni siajn ideojn al siaj lernantaroj sen suferi bedaŭrindajn sekvojn en lia profesia vivo, oni povos diri ke li laboras en lando kie objektiva instruado ekzistas.

Ke oni trovas tian objektivecon en Usono, ne estas iu vera dubo. Tamen estas notinde ke en Usono la instruistoj laboras ne sub nacia estraro, sed sub lokaj estraroj. Kaj en Usono, same kiel en ĉiu alia lando, ne estas tre malfacile eltrovi ŝovinismon. Se ĉi tiu penetras en iun lokan estraron, estas tre eble ke la instruistoj en tiu urbeto devas instrui historion lang — en — vange. Feliĉe, tiu kondiĉo ne estas tro ofta, kaj estas nekonata ĉie kie troviĝas vera klereco. Estas vere, do, ke la plimulto de la usonaj instruistoj de historio laboras tute objektive. Memkompreneble la patrolando povas erari, kaj ili ne hezitas priparoli kaj klarigi la erarojn.

La objektiveco estas pruvata de la fakto ke oni priparolas la ĉisubajn aferojn, inter aliaj, en usonaj historio — lernantaroj:

1. La angla vidpunkto en la revolucio kontraŭ la patrinolando;
2. Nejusta traktado kontraŭ la indianoj;

3. Rilate al la interna milito de 1861—65, justa konsidero de la vidpunktoj de ambaŭ flankoj;

4. La parta nejusteco de la usona milito kontraŭ Hispanujo;

5. La arbitra agado kontraŭ Kolombio antaŭ la ekkonstruo de la Panama Kanalo;

6. Iama imperialisma agado en Centra Ameriko kaj en la Antilioj, precipe en Nikaragvo kaj Hajtio;

7. Libera kritikado kontraŭ agado kaj ideoj de ĉiuj oficistoj, inkluzive de la prezidanto mem.

Ĝis nun la usonaj ŝovinistoj ne estas sukcesintaj. Tiu kondiĉo longe daŭru! Vero estas vero, eĉ kiam ĝi vundas.

LEMUEL J. McCAULLEY,
Instruisto de la hispana lingvo
en la mezlernejo de Haddoxfield, N. J.

---

# Provleciono (daŭranta 1½ - 2 horojn).

Mi volas nun rakonti al vi fabelon, kiun vi certe jam bone scias.

Atentiĝu! Iam vivis reĝparo. La reĝparo estis tre riĉa. Sed tamen la reĝparo ne estis feliĉa . . . . (La lernantoj jam interrompas, unu blondulino eĉ daŭrigas: „ĉar mankis al ili infaneto" (kaj ŝi tuj poste ekruĝiĝis ĉarme), intertempe krias la aliaj lernantoj „estas la fabelo pri „Dornrozeto" . . . .

Jes, bone! Vi estas pravaj. Vi nun scias la fabelon kaj mi povas ŝpari la rakontadon . . . Ni volas nun legi, kion mi skribis sur la tabulo. (Teksto sur la tabulo).

Vi scias la fabelon pri „Dornrozeto".

Ĉu vi volonte vidus la fabelon sur la scenejo?

Jes? Bone! Vi tion povas. — Kie? En la naturo! — Kiam? — Nun.

Akurate en la nunaj tagoj realiĝas ĉi tiu fabelo sur la scenejo en la naturo. — Mi vidas jam kelkajn princojn, kiuj venis por veki Dornrozeton. Sed la bedaŭrinduloj ne sukcesis. ili eĉ fariĝis viktimoj pro sia amo kaj heroa kuraĝo. La unua princo aspektis kiel la galanto, la dua kiel primulo, la tria, estis tre vigla kaj havis la staturon de la flava papilio. Sed baldaŭ venos la ĝusta princo, kiu kisos Dornrozeton kaj vekas ŝin. Mi eĉ scias la tagon. Li venos la 21an de marto.

Ĉu vi konas Dornrozeton? (nia tero).

Ĉu vi konas la princon? (la suno).

*a.* La lernantoj legas la tekston ĥore.

*b.* Sekvas nun la traduko kun la helpo de la vortaro kaj de la instruisto. (ĉiu lernanto havas sian vortaron).

*c.* Klarigo de malfacilaj vortoj. La traduko okazas laŭfraze, samtempe la instruisto pritraktas kaj klarigas la substrekitajn vertojn.

*d.* Vortfarado: *vekas, vekiĝas, realigi, realiĝi, bedaŭrindaj, bedaŭrindulo, vidus, k.t.p.*

*e.* Pritrakto de la stilo kaj sintakso (en nacia lingvo kaj en Esp. tre ofte diferencas la sintakso. Okazo por pritrakti la logikan sintakson de l' Esp.)

— Nun sekvas la plej grava parto.

*f.* Paroladekzerco de lernantoj laŭ la demandoj flanke de la instruisto. Tiu ĉi parto montras la lertecon de la instruisto (laŭ la formo kaj metodo de la demandoj) kaj de la lernantoj (laŭ respondoj) — Dum tiu ĉi parto kvazaŭ konkuras la instruisto kun la lernantoj laŭ la vigleco kaj trafaj respondoj. La demand — kaj respondekzerco

pritraktas la tutan tekston kaj daŭras ofte duonhoron, ekz. la frazo: „Kiu scias la fabelon? (Ni scias la fabelon.) Kion vi scias? — Pri kio temas la fabelo? k.t.p.

*g.* Klarigo kaj atentigo pri ofte uzataj vortoj (praktikaj vortoj) ekz. troviĝi, fariĝi, fari, okazi, k.t.p.

La malfacilajn vortojn notu la lernantoj.

*h.* Nun forviŝas la instruisto la tekston.

*j.* Laŭ demandoj la lernantoj rerakontu la temon en konciza formo.

*k.* Nun skribas la instruisto la rakonton sur la tabulo en nacia lingvo.

*l.* La tasko de la lernantoj estas: „Traduko en Esp."

*m.* Dum la skribado de la traduko helpas la instruisto individue. La lernantoj demandas pri la forgesitaj vortoj, pri gramatiko, ortografio, k.t.p. kaj la instruisto helpas.

La tradukon transdonas la lernantoj al la instruisto.

*n.* La instruisto korektas ĝin hejme.

La recenzon kaj kritikon skribas la instruisto ruĝe en formo de frazoj. La instruisto skribu sian kritikon eĉ en formo de mallonga letero. — La scivolemaj lernantoj klopodas informi sin pri la enhavo de la kritiko kaj recenzo. (Prijuĝaj: Mi estas tre kontenta. — Mi ĝojas pri la modela traduko. — Mi estus pli kontenta, se vi ne kontraŭbatalus la akuzativon, k.t.p.) Ekestas korespondado inter la instruisto kaj la lernantoj.

La vigla demandado estas garantiata kiam la lernantoj ricevas la taskojn kun la ruĝaj kritikoj

HANS STRUSKA
Esp.-instruisto, Wien.

Tre taŭgaj temoj estas 6-10 liniaj spritaĵoj, rakontetoj, anekdotoj, (Krestomatio. — Tra la mondo. (Bennemann).).

---

# Kion opinias la Junularo pri Esperanto?

(sur la bazo de aranĝita enketo)

Dezirante konvinkiĝi, kion opinias pri Esperanto la junularo de mia gimnazio, mi aranĝis mallonge antaŭ mia forveturo al la Viena Konferenco (majo 1934) la sennoman enketon. La enketo koncernis la rilaton de junularo al la lingvo Esperanto, kiu estas instruata de mi en gimnazio ĉiujare depost la 1929-a. La enketon tamen mi ne sukcesis prilabori tiam por la Konferenco, ĉar mi ne havis sufiĉan tempon por tio. Mi prilaboris ĝin kelkajn monatojn poste por la Ministerio de Klerigo en Varsovio, kiu ricevis ĝin kune kun aliaj gravaj dokumentoj, rilatantaj al ĉi tiu afero, ĉe fino de la jaro 1934-a. Nun mi esperantigis ĝin kaj prezentas la opinion al ŝatataj gekolegoj.

La enketo enhavis jenajn demandojn por respondo:

1. Klaso
2. Ĉu vi scipovas Esperanton? Kiel? (bone, sufiĉe, tute ne)
3. Ĉu vi apartenas aŭ apartenis al ĝimnazia „Esperanta Rondo"
4. Ĉu vi dezirus, ke Esperanto estu devige instruata en lernejoj kaj kial?
5. Kiom da esperantaj korespondaĵoj (p.k., leteroj, presaĵoj) vi sendis al eksterlando kaj kiom vi ricevis?
6. Kial vi estas simpatiulo aŭ kontraŭulo de Esperanto?

7. Ĉu viaj gepatroj aŭ prizorgantoj estas favoraj al Esperanto aŭ nefavoraj?

8. Kion vi opinias pri Esperanto?

En la enketo partoprenis 160 lernantoj, t.e. 86% de ĉiuj lernantoj de la IV-VIII klasoj. La lecionoj de Esperanto okazis ĉiam ĉe lernantoj de la IV-a klaso (14-jaraj lernantoj) laŭ la malnova lernejtipo, ĉar ĉi tiŭn aĝon mi opiniis la plej taŭga por la instruado de la lingvo. Jen la tabelo, prezentanta en ciferoj la scipovon de Esperanto ĉe lernantoj:

## I. Scipovo de la lingvo Esperanto

| Klaso | IV | V | VI | VII | VIII | kune | % |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ne scipovas Esp. | 15 | 7 | 3 | 4 | 2 | 31 | 19,3 |
| scipovas „sufiĉe" | 30 | 16 | 17 | 9 | 13 | 85 | 53,1 |
| scipovas „bone" | 14 | 12 | 4 | 6 | 8 | 44 | 27,5 |
| kune | 59 | 35 | 24 | 19 | 23 | 160 | —— |

Komparante la ciferojn sur la tabelo, ni vidas, ke en la gimnazio ekzistas nur malgranda nombro da lernantoj, kiuj tute ne konas Esperanton. Ili estas nur 31, t.e. 19,3%, bone scias la lingvon 44 lernantoj, t.e. 27,5% kaj la plej granda nombro da lernantoj posedas ioman scion de Esperanto, 85, t.e. 53,1%. Kvankam la sufiĉe granda nombro da lernantoj elmontras la scipovon de Esperanto, tamen la rezultatoj ne estas tute kontentigaj, ĉar la lernantoj ne tre ŝatas la lingvon, kiu ĝis nun estas nedevige instruata. Se ĉi tio okazus, la rilatoj sur ĉi tiu kampo prezentus sin tute alie kaj, mi kredas, multe pli efike.

## II. Aparteno al la Esperanta Rondo

| Klaso | IV | V | VI | VII | VIII | kune |
|---|---|---|---|---|---|---|
| ne apartenis | 29 | 22 | 7 | 11 | 14 | 83 |
| apartenis | 3 | 3 | 11 | 6 | 8 | 31 |
| apartenas ĝis nun | 27 | 10 | 6 | 2 | 1 | 46 |
| kune | 59 | 35 | 24 | 19 | 23 | 160 |

La respondoj je la 3-a demando elmontras, ke apenaŭ la duono de lernantoj post la fino de la kurso apartenas aŭ apartenis al la Esperanta Rondo. Ĉi tiu nombro estus sufiĉe granda ĉe plenaĝuloj, sed ne ĉe lernantoj, kiuj en 100% devus aparteni al la Rondo, laborante kiel aktivaj membroj kaj perfektiĝante en la lingvo. La fakto tamen ne estas kontentiga, tiom pli, ke la nombro de Rondanoj estas nur papera. Efektive en la laboroj de la Rondo partoprenas apenaŭ la kvarono. La kaŭzo estas ankaŭ tio, ke la lernantoj havas multajn okupojn en posttagmezaj horoj, tiel en diversaj aliaj societoj,

kiel ankaŭ en sportludoj, korpekzercaj aranĝoj k.t.p. La tabelo, rilatanta al partopreno de la junularo en Esperanta Rondo montras, ke plej multe da lernantoj apartenas al la Rondo el la IV-a klaso. Ĉi tio estas tute komprenebla, se ni konsideros, ke la lernantoj de ĉi tiu klaso, fininte la kurson, volas tuj eklabori en la Rondo, eĉ kiel pasivaj membroj, aŭskultante referatojn kaj diskutojn de pli aĝaj kolegoj. Ili ankaŭ volas konvinkiĝi, ĉu la lingvo Esperanto estas taŭga por ĉi tiu celo, ĉu ili havos plezuron ĉion kompreni kaj elparoli, ĉu ili povos en la fremda lingvo prelegi kaj diskuti je diversaj temoj.

La respondoj je la demandoj 4, 6 kaj 8 estis ofte similaj aŭ samaj, ĉar ankaŭ la demandoj mem estis enhave proksimaj al si. Je la demando 4-a la junularo respondis, ĉu ĝi dezirus, ke ĉi tiu lingvo estu en lernejoj deviga instruobjekto aŭ ne, ĉe kio ĝi devis motivi sian respondon. Je la sesa demando ĉiu devis konfesi, ĉu li estas adepto aŭ kontraŭulo de Esperanto kaj kial. Fine je la lasta demando la junularo devis ĝenerale opinii pri ĉi tiu lingvo. Ĉi tiuj respondoj cifere estas videblaj sur la sekvantaj tabeloj :

**III. Esperanton en la lernejo :**

| | IV | V | VI | VII | VIII | kune |
|---|---|---|---|---|---|---|
| ne deziras | 3 | 7 | 9 | 8 | 9 | 36 |
| deziras | 56 | 26 | 15 | 8 | 13 | 118 |
| indiferente afero | — | 2 | — | 3 | 1 | 6 |
| kune | 59 | 35 | 24 | 19 | 23 | 160 |

**IV. Persona rilato al Esperanto :**

| | IV | V | VI | VII | VIII | kune |
|---|---|---|---|---|---|---|
| favora | 54 | 26 | 13 | 5 | 14 | 112 |
| malfavora | 2 | 5 | 3 | 6 | 6 | 22 |
| indiferenta | 3 | 4 | 8 | 8 | 3 | 26 |
| kune | 59 | 35 | 24 | 19 | 23 | 160 |

Rigardante la tabelon III-an ni vidas, ke je la 160 lernantoj — 118 esprimis deziron, ke Esperanto estu deviga lernobjekto en gimnazio, por 6 lernantoj ĉi tiu afero estas indiferenta kaj 36 lernantoj ne deziris al si ĝian enkondukon en la lernejo. El ĉi tiu tabelo evidentiĝas, ke ju pli altaj klasoj kaj pli aĝaj lernantoj des malpli favoraj ili estas rilate al Esperanto. Malplej bone ĉi tiu afero prezentas sin en la VII-a klaso, kie apenaŭ la duono de lernantoj deziras al si, ke Esperanto estu deviga lernobjekto. Pli favore eldiras sin la junularo de la plej supera klaso (VIII) kaj VI-a, kaj plej favore la klasoj IV-a kaj V-a. Sed ankaŭ inter la adeptoj ne ĉiuj estis por la enkonduko de Esperanto en lernejojn, ĉar por unuj ĝi estas tre facila lingvo, por aliaj tro malfacila kaj ili ne volus pligrandigi la

nombron de la fremdaj lingvoj en lernejo. Ĉi tio klarigas al ni, kial la ciferoj de la tabelo III-a ne kovriĝas per ciferoj de la tabelo IV-a.

**V. La forsenditaj korespondaĵoj de junularo:**

| | IV | V | VI | VII | VIII | kune |
|---|---|---|---|---|---|---|
| poŝtkartoj ilustr. | 201 | 107 | 441 | 402 | 557 | 1708 |
| leteroj | 100 | 35 | 248 | 129 | 330 | 842 |
| presaĵoj | 17 | 7 | 91 | 18 | 92 | 225 |
| kune | 318 | 149 | 780 | 549 | 979 | 2775 |

**VI. La ricevitaj korespondaĵoj de junularo:**

| | IV | V | VI | VII | VIII | kune |
|---|---|---|---|---|---|---|
| poŝtkartoj ilustr. | 154 | 94 | 370 | 378 | 537 | 1533 |
| leteroj | 85 | 21 | 211 | 121 | 342 | 780 |
| presaĵoj | 13 | 8 | 96 | 50 | 162 | 329 |
| kune | 252 | 123 | 677 | 549 | 1041 | 2641 |

**VII. Korespondis el apartaj klasoj:**

| | IV | V | VI | VII | VIII | kune |
|---|---|---|---|---|---|---|
| nombro de lernantoj | 30 | 13 | 9 | 9 | 12 | 73 |
| en % | 50% | 37% | 37% | 47% | 52% | 45,6% |

Trarigardante la suprajn tabelojn ni vidas, ke interese prezentas sin la ciferoj, rilatantaj al korespondado de junularo. Montriĝas, ke preskaŭ la duono de la lernantoj korespondis kun eksterlandanoj. Plej multe kaj plej longe korespondis la lernantoj de la VIII-a kaj de la IV-a klasoj, kaj malplej multe la lernantoj de la V-a klaso. Entute forsendis ĉiuj dum kelkaj jaroj 2775 korespondaĵojn. Ĉi tiu cifero ne montras ĉiujn korespondaĵojn, ĉar multaj lernantoj jam antaŭe forlasis la gimnazion aŭ ne partoprenis en la enketo. La korespondemuloj ricevis el eksterlando 2642 korespondaĵojn.

Antaŭ dek jaroj la rilato de loka socio al Esperanto estis plejparte malamika. Dum kelkjara laboro de gimnazia Esperanta Rondo (kaj de aliaj), kies anoj forte laboris por konvinki la skeptikulojn, ke Esperanto estas grava kulturfaktoro, multe ŝanĝiĝis en pli bona direkto. La junaj adeptoj aranĝis okaze de la Zamenhofa festo la solenan vesperon en la aŭlo de gimnazio, ili dissendis multajn invitilojn al ĉi tiu solenaĵo, en kiu partoprenis krom direktoro kaj geinstruistaro kelkcent da personoj pli aĝaj, gepatroj kaj konatoj de la lernantoj. Multe efikis la parolado de gimnazia direktoro POLAKOWSKI, kiu atentigis la aŭskultantaron pri la graveco de la esperanta movado, kvankam li tute ne scipovas la lingvon.

La sepa demando de la enketo devis montri al mi, kia estis la rilato de la socio al Esperanto (antaŭ 3 jaroj). Mi sciiĝis, ke nur malmulta nombro da gepatroj kaj prizorgantoj estas malfavora al nia lingvo kaj movado. Verŝajne la socio tute prave opinias, ke

Esperanto instruata en lernejoj ne povas esti io kontraŭreligia aŭ danĝera por nia ŝtato. Se ĝi estus tia, la lernejoj ne tolerus ĝin kaj la Registaro malpermesus certe ĝin instrui publike. Je la 160 respondoj apenaŭ 7 lernantoj konfesis, ke iliaj gepatroj malfavoras Esperanton, 100 gepatroj estis favoraj al ĝi kaj por 53 gepatroj ĉi tiu afero estis indiferenta. Ni vidas el ĉi tio, ke *la propagando pere de lernejoj estas la plej taŭga kaj efika.* Kaj tute prave la pioniroj de nia movado ĉiam opiniis, ke *la plena venko de nia ideo tiel longe ne okazos, kiel longe la lingvo ne estos devige enkondukita en lernejojn.* La saman opinion esprimis la partoprenintoj de la Viena kaj Pariza konferencoj, konsistantaj plejparte el geinstruistaro kaj pedagogaro.

Nun ni trairu al argumentoj, kiujn uzis la lernantoj en siaj respondoj. La respondintoj *de la IV-a klaso* dezirus la enkondukon de Esperanto en lernejojn, ĉar:

1. la lingvo Esperanto disvolviĝus tiamaniere tre rapide,
2. oni povas facile uzi ĝin en la tuta mondo,
3. ĝi estas la plej facila lingvo kaj havas malmultajn gramatikajn regulojn,
4. post aliaj malfacilaj lecionoj la lernado de Esperanto estus kvazaŭ ripozo,
5. plifaciligas al diverslandaj homoj la korespondadon, pliviglgas komercon kaj trafikon,
6. ĝi estas la sola lingvo, kiun oni povas en lernejo bone ellerni kaj senerare eĉ perfekte paroli,
7. ĝi estas tre interesiga kaj tre utila, ĉar ĝi malfermas la vojon al la malproksima mondo,
8. ni povas facile korespondadi kun samaĝuloj de aliaj landoj,
9. ĝi kondukas al interkompreniĝo inter diversnacianoj,
10. al ĉiu ĝi povas utili en la vivo,
11. ĝi kaŭzus la pliviglecon inter diversaj ŝtatoj,

laŭ opinioj de la lernantoj el la V-a klaso:

12. ĉar ĝi estas tre facila kaj bela,
13. ĝi kondukas al amikaj interrilatoj inter gejunularo de la tuta terglobo,
14. ĉar ankaŭ la kontraŭuloj konvinkiĝus tiam, ke ĝi estas belsona kaj lerninda lingvo,
15. ĉar tiam certe malaperus la malamika kontraŭ-esperanta propagando, kiu ĝis nun malĝuste taksas Esperanton,
16. je helpo de ĉi tiu lingvo la kulturaj nacioj povus pli bone interkonatiĝi kaj paceme kunvivi,
17. ĉar ĝi estas jam nun la internacia kaj ĉie uzata lingvo,

laŭ opinioj de la lernantoj el la VI-a klaso:

18. ĉar ĝi estas la plej facila el la artefaritaj lingvoj,
19. je helpo de korespondado oni povas ĉerpi netakseblajn avantaĝojn pri historio de la lando, geografio ktp.,
20. ĝi estas grava kiel interkompreniĝa faktoro inter nacioj, ĝi celas la firmigon de la mondpaco,
21. ĝi bonege utilas la turismon kaj plifaciligas vojaĝojn,
22. ĉar en popollernejoj ĝi povus bone anstataŭi la latinan aŭ alian fremdan lingvon, (tre prava rimarko!)
23. ĉar ĝi donas multajn profitojn sur diversaj laborkampoj,

laŭ opinioj de la lernantoj el la VII-a klaso:

24. plifaciligas la efektivigon de la tutmondaj idealoj,

25. ebligas al ni, lernantoj, la ekkonon de la tuta mondo pere de korespondado,
26. ĝi povas reklami la propran landon kaj bone servi al propagando de nia kulturo,
27. du lecionoj en semajno sufiĉus por ellerni ĝin komplete dum unu lerneja jaro,

laŭ opinioj de la lernantoj el la VIII-a klaso;

28. en lernejo ni havas por lernado plej multe da tempo kaj ni povus jam antaŭ la forlaso de la lernejo tre bone ellerni ĉi tiun facilan lingvon,
29. ni, lernantoj, forlasante ĉe fino la lernejon, scipovas neniun fremdan lingvon tiel bone, por ke ni povu uzi ĝin en la praktika vivo. La sola lingvo, kiu ebligas tion estas la lingvo Esperanto, (ankaŭ tre ĝusta rimarko!)
30. kiel artefarita kaj plej facila lingvo ĝi povus esti senpene akceptita de plimulto da inteligentularo kaj en la ekonomia vivo ĝi povus alporti grandajn profitojn,
31. ĝi propagandas nacian kulturon eksterlanden kaj reciproke ni multe sciiĝas pri eksterlando; ĉe tio ĝi estas tre bela kaj povas servi kiel bonega interkomprenigilo ĉe la diversaj nacioj,
32. ĝi tre bone ekzercas la memorkapablon, estas bona ripetado de fremdaj naciaj lingvoj kaj donas multajn profitojn por ĉiu inteligentulo,
33. la lingvo estas tre utila ne nur al unuopuloj, sed ankaŭ al tutaj nacioj. Krom tio ĉi tiu lingvo kiel deviga lernobjekto estus vera distraĵo inter la lecionoj de la greka, latina aŭ franca lingvoj.

La lernantoj, kiuj ne estis favoraj al Esperanto kaj ne volis, ke ĝi estu instruobjekto en lernejo, motivis sian vidpunkton jene:

lernantoj de la IV-a klaso:

1. ĉar ĝi estas juda jargono, kiun ni devas malŝati,
2. al nenio ĝi utilos,
3. ĝi estas malfacila por la lernantoj de popollernejoj,(!)

lernantoj de la V-a klaso:

4. Esperanto servas al kontraŭreligia propagando. Esperantistoj estas plej ofte judoj aŭ ateistoj. Esperanton oni devas ĝisgrunde detrui. Multaj Poloj ne scias bone sian gepatran lingvon,
5. ni havas sufiĉe da fremdaj lingvoj,
6. mi estas granda antisemito, mi ne ŝatas pro tio Esperanton,
7. ĉar mi havas sufiĉe da malfacilaĵoj ĉe lernado de aliaj fremdaj lingvoj,

lernantoj de la VI-a klaso:

8. ĉar ĝi havas tro multe da kontraŭuloj,
9. estas dubeble, ĉu ĉi tiu lingvo povos pli longe ekzisti, (la lernanto ne scias, ke ĝi ekzistas jam duonon da jarcento!)
10. ĉar la kreinto estis judo,
11. ĉar ĝi ne havas ĝis nun la praktikan valoron — en bankoj kaj poŝtoficejoj oni ne parolas ĝin,
12. tro malmultaj homoj parolas ĝin kaj estas malgranda interesiĝo por ĝi,

lernantoj de la VII-a klaso:

13. ĉar enkondukante Esperanton oni devus forigi el lernejo unu fremdan nacian lingvon kaj ĉi tio ne estus dezerinda,
14. ĝi ne havas estontecon — malofte oni uzas ĝin buŝe, pli ofte skribe,
15. la enkonduko de Esperanto kaŭzus troplenigon de la lerneja programo, cetere la lingvo neniam venkos en la mondo,
16. ĉar la lingvo povus ekzisti plej longe du jarojn, (sensencaĵo! tre malinteligenta respondo!)
17. en gimnazio ni devas lerni multajn instruobjektojn kaj ne estus tempo por Esperanto,

18. la esperanta literaturo estas tro malriĉa por ke ni povu ĉi tiun lingvon lerni en lernejoj,

19. tro malserioza por ke ĝi povu esti instruobjekto en gimnazio,

Lernantoj de la VIII-a klaso :

20. ĉar ĝi malinklinigas al la lernado de aliaj naturaj lingvoj,
21. ĉar ĝi estas la juda elpensaĵo por propagando de masonabolŝevika ideo,
22. ĉar en gimnazio estas sufiĉe da fremdaj lingvoj,
23. ĉar la lingvo ne estas bela kaj similas al ĵargono,

Trarigardante ĉi suprajn respondojn, ni vidas, ke la motivoj de la kontraŭuloj estas tre malgravaj kaj kompare al tiuj de adeptoj tute naivaj kaj kriplaj. La respondintoj plejparte ne scipovis Esperanton, tamen ili kuraĝis skribi tiel grandajn sensencaĵojn, eĉ la lernantoj de la VIII-a klaso! Estas la konstatita fakto, ke neniu el bone sciantaj la lingvon opiniis ĝin tiamaniere, sed ĉi tion faris nur tiuj, kiuj ne scipovis la lingvon Esperanto.

Se temas pri la respondoj je la 6-a kaj 8-a demandoj — tiam la plej granda nombro da lernantoj donis identajn respondojn, kiel je la 4-a demando, aŭ tute ne respondis. Inter la adeptoj, kiuj motivis sian respondon, estis ankoraŭ jenaj karakterizaj respondoj :

en la IV-a klaso :

1. ĝi plifaciligas al mi la kolektadon de p.m. kaj de belaj bildkartoj el diversaj landoj,

2. ĉar la kreinto estis Pollandano kaj la lingvo on al ĉiu multajn profitojn : materialajn kaj spiritajn,

3. ĉar ĝi povas servi al praktikaj kaj sciencaj celoj. Ĝin povas uzi neklera laboristo kaj scienculo,

en la V-a klaso :

4. ĉar mi vidas en ĝi profitojn por la tuta kristana mondo,
5. ĉar mi vidas ĝian utilecon kaj komprenas ĝian ideologion,
6. ĉar ĝi havas eblecon de grandega disvolviĝo,

en la VI-a klaso :

7. ĉar ĝi celas al firmigo de la mondpaco,
8. ĉar mi kredas, ke ĝi iam fariĝos la lingvo de la tuta homaro en internaciaj rilatoj,
9. ĉar ĝi konigas nin pri la literaturo de la fremdaj nacioj,
10. ĉar ĉi tiu lingvo estas tre oportuna kaj praktika por la tuta mondo.

en la VII-a klaso :

11. ĉar Esperanto diskonigas eksterlandon pri Polujo, kiu estas lulilo de ĉi tiu lingvo,
12. Esperanto donas grandajn avantaĝojn ĉe la plej eta peno,

en la VIII-a klaso ;

13. je helpo de Esperanto oni povas ne nur interrilati kun diversaj nacioj, sed ankaŭ propagandi eksterlanden nacian kulturon,

14. Esperanto estas grava kulturfaktoro ; krom lingvo ni devas ŝati ĝian internan ideon,

La kontraŭuloj konkludis je la samaj demandoj jene :

en la IV-a klaso :

1. la lingvo Esperanto valorus nur tiam, se ĝin parolus ĉiu deka homo ; sed ĉi tio okazos neniam,

en la V-a klaso:

2. mi ne estas adepto de la lingvo, ĉar pri Esperanto interesiĝas plejparte nur judoj, kiujn mi malamas,
3. mi estas antisemito kaj mi malŝatas judajn produktaĵojn,

en la VI-a klaso:

4. ĉar la lingvo ne plaĉas al mi,
5. ĉar ĝi estas miksaĵo de ĉiuj lingvoj kaj ĝi ne sonas bele,
6. se ĝi estus akceptita de ĉiuj nacioj, tiam malaperus la neceso de uzado de naciaj lingvoĵ kaj ĉi tiu fakto alkondukus al forviŝo de internaciaj diferencoj,

en la VII-a klaso:

7. neniam ĝi enhavos pli vastajn tavolojn de socio,
8. estas malfacila, precipe por ĉi tiuj personoj, kiuj scipovas neniun fremdan lingvon,
9. ĉar ĝi celas akiri popularecon en la mondo kaj ĉi tio ne estas akirebla,
10. ĉar Esperanto estas nur la deformaĵo de la fremdaj vortoj,

en la VIII-a klaso:

11. ĉar ĝi estas laŭ mia opinio la sionisma eltrovaĵo por pli facila disvastigo de komunismo, framasoneco kaj de aliaj malutilaĵoj,
12. Esperanto neniam fariĝos la internacia lingvo. Ĉiu nacio tre ŝatas kaj gardas siajn proprajn naciajn ecojn kaj ne rezignos sian gepatran lingvon, kiu estas ĝia plej sankta propraĵo.

Resumante ĉiujn argumentojn de la junularo, „por" kaj „kontraŭ", mi konstatas, ke la plimulto da lernantoj de mia gimnazio interesiĝas efektive pri Esperanto, tre ŝatas ĝin kaj deziras, ke ĝi fariĝu deviga lernobjekto en multaj lernejoj de la civilizita mondo.

Ĉe fino mi volas aldoni al la ŝatataj aŭskultantoj kelkajn rimarkojn rilate al Esperanto. Pri ĉi tiu lingvo mi interesiĝas pli ol 17 jarojn. Kiel gimnazia profesoro mi instruas ĝin depost la jaro 1929. La nombro de la lernantoj, kiuj partoprenas ĉiujare en la kursoj, estas meze 50. En la unua jaro partoprenis en la kurso la lernantoj de la IV-VIII klasoj. En la sekvantaj jaroj nur lernantoj de la IV-a klaso (14 jaraj). Mi spertis, ke ĉi tiu aĝo plej bone taŭgas por la instruado de la lingvo. La lernantoj ricevis ĉiam ĉe la fino de la lerneja jaro cenzurojn sur la lernejaj atestoj. Specialan raporton pri la duon-oficiale instruata Esperanto en mia gimnazio dum la jaroj 1929-1934 mi liveris al la Viena Konferenco (1934), en kiu mi partoprenis kiel reprezentanto de la urbo Bydgoszcz. Dum mia 24-jara pedagogia praktiko mi spertis, ke *la lernantoj, kiuj finas la lernadon en gimnazio, scipovas vere neniun fremdan lingvon tiel bone, por ke ili povu uzi ĝin en la praktika vivo. La sola lingvo, kiu ebligas tion, estas nur Esperanto.* Ĝi triumfos nur tiam, kiam ĝi fariĝos la *deviga* lernobjekto en ĉiuj lernejoj de la mondo aŭ almenaŭ de la plej gravaj kaj grandaj ŝtatoj. La propagando pere de lernejoj estas la plej taŭga kaj kaj plej efika. Junularo estas la estonteco de ĉiu nacio. Se ĝi posedos la veran scipovon de la mondlingvo Esperanto — ĝi utiligos ĝin sur ĉiu internacia laborkampo. Do *la vera venko nur pere de lernejoj!* Mi opinias, ke Esperanto

estas ne sole la plej bona komprenigilo inter la nacioj, sed ankaŭ *ĝi plej bone servas al la afero de la mondpaco.* Pro tio estus dezirindege, ke ĉi tiu utila lingvo estu kiel eble plej baldaŭ enkondukita en lernejoj de la tuta terglobo. [1])

Mi ripetas: La plej grava afero estas, ke Esperanto fariĝu en lernejoj *deviga* lernobjekto. Ni ne timu, ke lernantoj post fino de la lernado forgesos la lingvon. La samo estas rilate al lernado de aliaj fremdaj lingvoj. Kiuj ne volus lerni por la vivo mem, devus lerni por la lernejo. Nur ĉe la lernado de Esperanto la junularo povus nekompareble pli multe profiti. La korespondado kun samaĝuloj de diversaj landoj povus veki senĉesan interesiĝon pri ĉi tiu lingvo kaj alportus certe bonajn rezultojn.

Konsiderante la gravan signifon de la helplingvo Esperanto kiel komprenigilo inter la diverslandaj homoj, kaj konsiderante ĉi tiun gravan problemon el la utila vidpunkto, ni devus nepre kaj kiel eble plej baldaŭ efektivigi la enkondukon de Esperanto en lernejojn de la tuta mondo, ne nur kiel nedevigan instruobjekton, (ĝi jam fakte ekzistas en diversaj landoj!) sed kiel *devigan* en la prava konvinko, ke la akiro de ĉi tiu lingvoscienco ankoraŭ dum la lernejaj jaroj devas fariĝi nedisigebla fundamenta klereco, kiun ĉiu juna homo devas nepre ricevi por la vivvojo!

Prof. SYGNARSKI MIECZYSLAW
Bydgoszcz — Polujo.

[1]) kaj *T.A.G.E.* petas vian kunlaboron por atingi tion. (Red.)

---

# Ekvatoro.

Laŭ la statistikoj de 1936 estis en ĉi tiu respubliko 2580 lernejoj, nome: 1876 unuagradaj (elementaj), 696 daŭrigaj, kaj 8 mez-lernejoj. El la 2580 lernejoj 1907 havis ununuran instruiston, 234 havis du kaj 109 tri instruistojn, do 2250 havis 3 aŭ malpli da instruistoj.

Estis 285836 lernantoj:

| | |
|---|---|
| blankuloj | 64387 |
| indianoj | 60112 |
| de miksita raso | 155212 |
| negroj | 5740 |
| de aziaj rasoj | 285 |
| entute | 285836 |

Facile oni povas kalkuli ke la nombro por ĉiu klaso ĝenerale estas tre alta.

# Ĉehoslovakuĵo.

La ĉeĥoslovakaj instruistoj tre emociiĝis pro la severa maniero, per kiu estis punataj la instruistoj, kies lernantoj pereis ĉe pramakcidento apud Kakvice (32 viktimoj).

Ili postulas ke oni aranĝu oficiale la respondecon de la geinstruistoj dum lernejekskurso.

Sen tia aranĝo la risko ja estas tro granda por la geinstruistoj.

---

# Litovujo.

Dum la jaro 1937 estis en Litovujo (sen regiono de Klaipèda) entute 2308 popollernejoj kaj 4876 komplektoj. Ŝtataj estis 2240 lernejoj kaj 4739 komplektoj, privataj — 68 lernejoj kaj 137 komplektoj. Unu popollernejo estas je 1029 loĝantoj kaj unu komplekto — je 487 loĝantoj.

Laŭ la instrua lingvo la popollernejoj dividiĝas jene: litovaj 2147 lernejoj kaj 4471 kompl., hebreaj 109 lern. kaj 306 kompl., germanaj 10 lern. kaj 21 kompl., polaj 11 lern. kaj 14 komp., latvaj 13 lern. kaj 18 komp., rusaj 3 lern. kaj 11 kompl., kaj miksitaj 15 lern. kaj 35 komplektoj. Krome, ĉe litovaj lernejoj estis 46 apartaj komplektoj kun juda aŭ malnovhebrea instrua lingvo, 6 kun rusa kaj 1 kun latva instrua lingvo.

Dum la lernjaro 1936—1937 la popollernejojn vizitadis 269950 gelernantoj: 138982 knaboj, aŭ 51,5%, kaj 130968 knabinoj, aŭ 48,5%.

La aĝo de gelernantoj: ĝis 7 jaroj — 1642, 7-jaraj — 34513, 8- jaraj — 41637, 9- jaraj — 43156, 10- jaraj — 44474, 11- jaraj — 39075, 12- jaraj — 35512, 13- jaraj — 22494, 14- jaraj — 6171, pli ol 14- jaraj — 1276. Laŭ gepatra lingvo la lernantoj dividiĝas jene: litovoj 238696, aŭ 88.42%, hebreoj — 17500, aŭ 6,48%, rusoj — 8053, aŭ 2,98%, poloj — 2229, aŭ 0,82%, germanoj — 2022, aŭ 0,75%, latvoj — 1099, aŭ 0,4%, blankrutenoj kaj aliaj — 351, aŭ 0,13%.

Laŭ la konfesio: katolikoj — 236107, aŭ 87.48%, izraelidoj — 17500, aŭ 6,48%, protesantoj — 7894, aŭ 2,92%, antikvaj ortodoksoj — 5186, aŭ 1,92%, ortodoksoj — 2866, aŭ 1.06%, aliaj — 397, aŭ 0,14%.

Komence de la jaro estis entute 4876 popolinstruistoj: 2052 viroj, aŭ 42,1%, kaj 2824 virinoj, aŭ 57,9%. Dum la jaro nombro de popolinstruistoj pligrandiĝis je 228.

La instruistoj laŭ nacieco: 4443 litovoj, 352 hebreoj, 24 germanoj, 13 poloj, 19 latvoj, 15 rusoj, 9 blankrutenoj kaj 1 alia.

Krome, en aŭtonoma regiono de Klaipèda estas 242 popollernejoj kun 447 geinstruistoj kaj 17184 gelernantoj.

(El: Litova Stelo.)



# T.A.G.E. Tribuno.

Estimataj gesinjoroj,

Tralegante diversajn esperantajn lernolibrojn, estas notinde rimarki ke ĉiu uzas diferencan vortliston instruotan al komencanto. Ankaŭ ŝajnas esti tute egale ĉu oni instruas la akuzativon je la komenco aŭ la fino de la kurso.

Miaopinie, ege gravas kiujn vortojn oni instruas, kaj per kiu ordo oni prenzentas la gramatikajn regulojn. Estas la respondeco de la geinstruistoj kontroli, se ne verki, lernolibrojn. Unue, necesas pristudi la verkojn de la majstro, por listigi la oftecon de vortoj uzitaj. Ankaŭ la oftecon de afiksoj, kaj de la malsimplaj formoj de la verboj.

Estas pro tio ke mi turnas min al vi, por demandi ĉu vi scias pri tia esploro jam farita de iu. Se jes, bv. informi min pri tio, kaj ankaŭ pri la libroj aŭ gazetoj en kiuj la koncernaj artikoloj aperis.

Multajn antaŭdankojn.

Samideane via,

LOUIS DORMONT.

PS 136
St. Albans. N. Y.
USONO.

*Rim. de la redaktoro:* Ĉar certe multaj legantoj interesiĝas pri la respondoj, oni sendu ilin al la redaktoro, kiu publikigos ilin en la venonta numero.



# Korespondoficejo.

(Adreso: sekretario de T.A.G.E.).

Korespondantojn en diversaj landoj serĉas:

I. knabinoj de la Tinkers Farm Lernejo, Northfield, Birmingham, Anglujo. 1 dekjara, 3 dekunujaraj, 14 dekdujaraj, 4 dektrijaraj, 6 dekkvarjaraj, 2 dekkvinjaraj. 1 deksepjara kaj 1 dekokjara.

II. Instruisto: J. M. Toorneman. Diepenveenscheweg 169. Deventer (Nederl.).

III. Instruisto: R. T. Schiphof. Wier. 49. Friesland (Nederl).

IV. Instruisto: William Nowcle. 194 Farebrother Sr. Grimsby (Anglujo).

V. Intsruisto: L. Hamberg—Overborg (V-Dal). Näs. (Svedujo) por 15—18 gejaruloj.

Por servi al niaj anoj, ni starigis interŝanĝadon

de ilustritaj poŝtkartoj,

uzeblaj por geografia-kaj historia instruo.

Vidu I.P.R no. 7, paĝon 134.

**Al la unuaj 50 petantoj** pri serio da poŝtkartoj, mi sendos **senpage** kalendaron por la jaro 1938[a], ilustritan per diversaj bildoj en **naturaj koloroj** pri nederlandaj naciaj kostumoj.

Turnu vin al k-o J. HOGENKAMP,
2e Exloërmond. (Nederlando).

Gekolegoj en

**Norvegujo** kaj **Svisujo:**

Ĉu el vi neniu volas funkcii kiel T.A.G.E.-reprezentanto por via lando. Anoncu vin al nia administranto.

**Atentu !**

nian korespondoficejon,

kiu peradas la korespondadon inter gelernantoj kaj inter geinstruistoj.

Sendu amase adresojn al la peranto:

**K. H. SPORTEL,**

**Nieuw Scheemda (Nederlando).**

Aperis!!

„La Unuaj Paŝoj en Nova Mondo".

5 legolibretoj de ANNIE REBERS.

facila lingvo, interesa enhavo, riĉe ilustrita (pli ol cent desegnaĵoj de Ger. Sligte) kaj tre malmultekosta!

Ĉiu volumeto unu respondkupono (f 0.12½)
la 5 vol. (plena serio) 5 resp. kuponoj (f -.55) afrankite.

**„Nia Mondo"**
lernolibreto por infanoj.

Verkita de A. REBERS.
Ilustrita de T. LANGEBERG.

En kelkaj monatoj ni vendis 2000 ekzemplerojn!
Prezo: 3 resp. kuponoj (f -.35) afrankite.

Mendoj al Libro-Servo F. L. E.

Postbus 0.50 Amsterdam-Oost, Nederlando.
(livero al eksterlando post antaŭpago.)

# 10 taga Esperanto-Restado

## en „Ry", Danlando,

31/7—10/8 38.

Plena pensiono de 35—50 kronoj = 14—20 guldenoj.

Lastjare 160 partoprenintoj el 10 landoj.

Senkosta prospekto ĉe

H. GRöNBORG, Risskov, Danlando.